49 Num. ★ Madrido - Majo-Junio - 1921 ★ V Jaro.

# HISPANA ESPERANTISTO

ILUSTRITA REVUO MONATA
Oficiala Organo de "Zamenhofa, Andaluzia kaj Aragona Federacioj„



## VII. Federacia Festo de SOKOL en Praha 1920

Estis jam aliloke aludita la organizajo de gimnastoj nomata «Sokol». Malgraŭ tio ni juĝas nemaloportuna akompani la supran bildon per kelke da pluaj klerigoj: La fizika edukado estas en Ĉekoslovakio objekto de grava zorgo jam en la lernejo; la profesoroj estas specialistoj, kiuj sekvis kurson pri gimnastiko ĉe la Universitato. Estas nun traktate pri enkonduko de la sistemo de Sokol en ĉiujn lernejojn.

La institucio de «Sokol» estis fondita en la jaro 1862 de M. Tyrŝ, profesoro de filosofio kaj J. Fügner, komercisto. —Edifi la nacion morale kaj fizike ĝis tiu grado, ke ĝi povu rehavigi al si la perditan liberecon kaj konkurenci kun la ceteraj nacioj—jen signifo kaj celo de Sokoloj. La nomo de tiu ĉi organizajo «sokol» estas en la ĉeka lingvo «falko», la kuraĝa kaj rapida birdo, kaj en la slavaj fabeloj ĝi estas uzata ankaŭ en senco de «brava junulo».

Dum la aŭstria jugtempo de la nacio ĉe-



PREĜEJO «TYN»

staranta kontraŭ la urba domo, estis fondita en la 14ª jarcento kaj fariĝis dum la husanaj bataloj rifuĝejo de utrakvistaj katolikoj ĝis la jaro 1620; ĝi estis finkonstruita en la j. 1463. Inter la multnombraj tomboj de eminentuloj enterigitaj sub ĝi estu nomita tiu de la fama dana astronomo Tygo Brahe, mortinta en 1601. Malantaŭ la preĝejo estas vasta konstruaĵo, konsistanta el kelke da domoj, nomata «Korto de Tyn», kie de post la x jarcento estis kontrolata ĉiu komercaĵo eniranta en la urbon. Tie sin renkontadis nacioj el ĉiuj partoj de Eŭropo kaj la historio rakontas pri miriga kvanto kaj varieco de komercaĵo alportata ĉiutage de post la mateno ĝis la nokto. En la jaro 1786 la vivo tie ekdormis por ĉiam.

koslovaka, kiam oni eble estus povinta konsideri la Sokolojn nacia militistaro, ili fariĝis la plej pura esprimo de nacia kaj slava sento. Kvankam ili staris tute flanke de la politiko, la Sokoloj profunde influis je la publika opinio de la nacio, precipe dum la milito.

Laŭ la statistiko el 1913 tiu ĉi organizaĵo kunigis en 1180 societoj cent mil virojn, 22 mil virinojn, 15 mil gejunulojn kaj 46 mil geinfanojn. Je fino de la jaro 1919 ĝi havis jam en 1808 societoj 250 mil membrojn. Nuntempe la nombro de societoj superas 2000 kaj tiu de membroj 550.000. La federaciaj festoj multe helpis la evoluon de tiu ĉi institucio. Post ĉiu de ili la nombro de societoj plimultiĝis.

| | | | |
|---|---|---|---|
| Ĉe la Iª festo en | 1882 | partoprenis | 700 viroj. |
| IIIª » | 1895 | » | 4300 viroj. |
| Vª » | 1907 | » | 7600 viroj, kaj 2304 virinoj. |
| VIIª » | 1920 | » | 27000 viroj, kaj 23000 virinoj. |

La sokola ideo pasis de Ĉekoj al la ceteraj Slavoj: similaj societoj fondiĝis en Polujo en 1867, en Slavonio 1873, en Kroatio 1874, en Serbujo 1882, en Rusujo 1889; ĝi

penetris eĉ inter la Ĉekojn de Ameriko. En la jaro 1908 fondis ĉiuj slavaj Sokoloj Federacion, kies sidejo estis Praha. Ili sekve helpis efike la disvastigon de la slava solidareco. De post la jaro 1888 ili estas en amika rilato kun la francaj gimnastoj. En tri internaciaj konkursoj, organizitaj de la Eŭropa gimnasta federario, la ĉekaj Sokoloj triumfis. La impreso vekita de la V^a^ federacia festo en 1907 estis motivo por organizi laŭ iniciativo de Rusoj tutslavan kongreson en Praha en 1900.

La sokola animo kaj propravola disciplino helpis organizi la ĉekoslovakan armeon en Rusujo, Francujo kaj Italujo. En la momento, kiam falruiniĝis Aŭstrio, en Oktobro 1918, la Sokoloj kun la laboristoj-gimnastoj kaj la studentoj prenis sur sin la taskon de «publika gardo»; ili senarmigis la fremdajn regimentojn kaj kreis la «gardojn de libereco», kiuj ekzistis ĝis la dato, kiam regula armeo ĉekoslovaka estis organizita. Danke ilian intervenon la revolucio sekve okazis sen sangverŝo.

Laŭ ilia modelo la social-demokratia partio ĉekoslovaka fondis lokajn sekciojn de laboristoj-gimnastoj, kiuj grupiĝis en propra Federacio, havanta 180 mil membrojn en mil societoj. La jaro 1918 proksimigis ambaŭ Federaciojn. En tiu ĉi jaro havos lokon laborista «Olimpiado» en la sama stadio, kiu estis la pasintan jaron scenejo de simila grandioza festo.

(Antaŭ kelke da tagoj aperis en la hispana preso aludo pri la bezono krei en Madrid stadion kaj eĉ la ideo estis eldirita fondi ĉi tie laŭ modelo de Sokol grandan gimnastan federacion. Ĉu la XIII kongreso esperantista en Praha donos al niaj gastoj, havantaj similan ideon, la okazon por trovi informojn tiurilate?)

La gimnastikon aŭ sporton praktikas la societoj en grandaj salonoj aŭ somere en la naturo; inter ili 187 konstruis per privataj rimedoj siajn domojn. Krom la korpekzercoj ĉiu societo organizas paroladojn, ekskursojn, fondas sian bibliotekon kaj ĉiel klopodas sekvi la noblajn devizojn, el kiuj estu cititaj almenaŭ kelkaj: Nek gajnon, nek gloron! —Ĉiu nacio, kiu pereas, pereas propra kulpe. —Ĉiuj por unu, unu por ĉiuj.

La membroj de la societoj de «Sokol» apartenas al ĉiuj partioj politikaj, al ĉiuj profesioj. Reciproke ili sin konsideras fratoj kaj dum ili estas en la gimnastikejo, ekzistas inter ili nenia diferenco de socialaj klasoj aŭ aĝo; tie ili alparolas unu la alian per «ci». Ilia saluto uzata preskaŭ ĝenerale de la Ĉekoj en rilato amika—estas «Nazar» (Sukceson!).

*Ed. Kühnl.*—Madrid.

# Pasportoj por la XIII.^a^

Madridanoj petos parole ĉe la «Dirección General de Seguridad», provincanoj de siaj provincestrejoj, *presaĵon* pri pasporto, kiu kostas 50 centimojn. Oni portas la presaĵon al la estro de la loka Civilgvardio por ke la vojaĝonto lasu sur la presaĵon la restsignojn de siaj fingroj kaj ke la civilgvardiestro subskribu la dokumenton. Oni pagos 50 centimojn. Oni algluas al la dokumento kvinpesetan markon kaj la fotografaĵon de la vojaĝonto, sur kiun la urbestro kaj la civilgvardiestro metos siajn stampilojn. Tuj oni sendos la dokumenton (pasporton) al la provincestrejo kune kun atesto de la urbestrejo konstatanta la aĝon, profesion de la vojaĝonto kaj ke ĉi tiu estas loĝanto de la urbo. Tiuj, kiuj estas en aĝo de militservo, konstatos sian situacion per siaj militdokumentoj.

Post kiam la pasporto estis subskribita kaj stampita estas bezone prezenti ĝin al la Konsuloj de landoj trairotaj; la Konsuloj vizos, siavice, la pasporton, kaj por tio ili enspezas: la franca konsulo, 25 pesetojn; la suisa, la aŭstria kaj la itala, 10-15 pesetojn; la ĉeĥoslovaka, 3 pesetojn (rabato por

la Kongresanoj). Germana Konsulo postulas 40 50 pesetojn, sed ne estas necese trairi Germanujon. Al la konsuloj oni diros la kaŭzon kaj daŭron proksimuman de la vojaĝo. En ĉiu konsulejo oni devos doni dutri fotografaĵojn. Oni devas peti aŭ ekaranĝi la pasporton unu monato antaŭ la dato de la forveturo. Petu informojn.

*Roberto Maraury*

Canfranc (Huesca).

---

NOVA TEMPO

la mezeŭropa esperanta kulturgazeto, sendependa, ankaŭ je via dispono, eliras monate. Postulu senpagan kajeron. Adreso: «Nova Tempo» str. Mollardgasse, 55. Wien. Aŭstrujo.

---

# JUDIT

(EL LOPE DE VEGA)

Cuelga sangriento de la cama al suelo
El hombro diestro del feroz tirano.

Pendas de l' lito ĝis tero-nivelo
La sanga dekstra brako de l' tirano
Kiu Betuljon sieĝis je vano
Kaj al si tiris fulmojn el ĉielo.

Time volvita ruĝa tendo-velo
Malkovras, apud la maldekstra mano
Terur'-aspekto de morta tetano:
Trunkon rigidan kiel glaci-ŝelo.

Fortan armilon ŝpruc-makulis vino;
La vazoj kuŝas ĉe tabl' renversita;
Gardistoj dormas, kontraŭ disciplino;

Kaj sur remparo staras, ĉirkaŭita
De sia gento, la ĉasta Judino,
Kaj per la kapo ŝi brilas armita.

*Antoni Grabowski*

17-IV-1919.

# BARKAROLO

**(El "Ferdinando VI kaj Farinelli„)**

I

De la ondoj per la forto
--Je subita fulmo hela—
Ja vidiĝas al la morto
Rapidiri barko bela!

*Jam ekregos direktilon*
*Sperte mia mano:*
*Vi rehavu la trankvilon*
*Spite l' uragano!!!*

II

Tre trankvila kaj kuraĝa
La maristo, kaj tre sperte,
Dum uragan' eĉ sovaĝa,
La havenon trafos certe!

*Jam ekregoz direktilon*

........................
........................
........................

III

Vi ne timu, do, la maron;
De la furiozo ĝia,
Rompos certe tuj la baron
La trankvila mano mia.

*Jam ekregos direktilon*

..................... ...

*Julio Mangada Rosenörn*

---

ESPERANTA FINNLANDO
1921
eliros same, kiel dum 1920.

RIĈE ILUSTRATA MONATA REVUO
INTERESA POR LA TUTA MONDO

En 1920 entute 328 paĝoj kun pli ol 150 bildoj. Abonprezoj: 1/2 jaro 3,25 pesetoj, 18 Fmk; unu jaro 6 pesetoj, 33 Fmk.

Specimenoj, prospektoj, abonprezoj en diversnacia valuto afrankite ĉe Esperanto-Oficejo Finnlanda. Str. Kasarminkatu, 20. Helsinki. Publikiganto: Eldona Akcia Societo Otava. Abonu senprokraste, ĉar prezoj estos plialtigotaj.

# Dua Diskutanta Kunveno de Esperantistoj de Iberaj Landoj

(DUDKEILO)

De antaŭ kelkaj tagoj je la dato de la malfermo, jam laboradis aktive, S-roj Rocamora, Gorgues kaj Mayol el Barcelono, kaj Mangada, helpante S-ron Maynar por prepari la Kunvenon; dume, en Barcelono, kunlaboradis S-ro Serrat kaj aliaj.

La nelacigebla laboro de S-ro Manuel Maynar, spite de la animstato lia, pro gravega malsano de lia filo David, vicsekretario de la Kunveno, kaj pro longa malsano de S-ro Emilio Gastón, kiu samtempe devis multe atenti por la gastigo de aŭstriaj geinfanoj, rimarkinda entrepreno plena je sukceso; antaŭvidigis al ni la gravan sukceson de la kunveno, kaj elmontris al ni la grandanimecon de nia kara samideano S-ro Manuel Maynar, kies agadon en tiu animstato oni devas kvalifiki heroa.

Kaj jen la 26.ª Je la 11.ª antaŭtagmeze la grupejo de «Frateco» pleniĝis je Esperantistinoj kaj Esperantistoj elmontrantaj ardan entuziasmon kaj plenan ĝojon. Konstanta manpremado tutkora inter la ĉeestantoj: S-roj Manuel Maynar, Gastón, pastro Lorent, F-inoj Modrego kaj aliaj Fratecanoj, ĝentile akceptis Dudkeilanojn ĵus alvenintaj. S-ro Bartel, aŭstria leŭtenanto, kiu estas en Hispanujo pro la gastigo de aŭstriaj geinfanoj, ankaŭ ĉeestis. Poste, dividitaj je grupetoj, la Dudkeilanoj promenis, kaj altiris la atenton de la publiko invadinta la stratojn kaj promenejojn pro la festo samdata; la uniformo de S-ro Bartel estis ĉefa altirilo.

Je la 3.ª posttagmeze, okazis en la grupejo prepara kunsido: ĉeestis S-roj Allende (Vaska Federacio), Llano (Grupoj de Baracaldo kaj Santander), Luna (Grupo de Madrid, Ruĝa Kruco, Grupo de El Pardo kaj gazeto «El Esperanto»), Rocamora (Barcelona Esp. Societo), Díaz (samideanoj de Tocina-Sevilla), Mármol (samideanoj de Villanueva de las Minas-Sevilla), Serrano Olmo (Grupoj de Córdoba kaj Cañete de las Torres, Grupo de Sevilla kaj Andaluzia Federacio), Maraury (Komerca Ĉambro de Huesca), Artigas (samideanoj de Huesca kaj Urbestraro), Mangada (Urbestraro de Jaca, Zamenhofa Federacio kaj Hispana Esperantisto, grupoj de Jerez kaj Palma), Mañes (Valencia Federabio), Camdelacreu (urbestraro kaj grupo de Manlleu-Barcelona), Comella (grupo de Vich-Barcelona), Maynar, Delpon, Larruga, Gastón, Sancho Izquierdo, leŭtenanto Bartel, Gorgues, Batet, Baucells, Mayol, k. c.

Tute frate oni trinkis kafon kaj interŝanĝis opiniojn. Sekve oni elektis Komitaton por la laborkunsidoj: Prez. S-ron Manuel Maynar; Vicp. S-ron Emilio Gastón; Sekr. S-ron Francisco Gorgues; Vicsek. S-ron Patricio Llano; Komitatanoj F-inojn María Luz Modrego kaj María del Camino Tomas, kaj S-ron José Larruga. Ankaŭ estos komitatatano ĉiu reprezentanto de Grupo; due, oni elektis komitaton por malfermi la ekspozicion: S-rojn Sancho Izquierdo, Gastón, Rocamora kaj Delpon; fine oni decidis alkuri al stacidomo por akcepti la karavanon de Barcelonaj samideanoj je la oka vespere.

Je tiu ĉi horo multenombraj geesperantistoj kunvenis en la stacidomo, kaj dudek minutoj antaŭ la naŭa, la vagonaro alvenas; la entuziasmo eksplodas: koraj brakpremoj, manpremoj kaj salutoj reciprokaj estas dum iom da tempo, kaj oni decidas iri amase en la urbon por okupi tramojn, sed tial ke estas neeble ilin atingi por ĉiuj, multaj iras piede. Inter la ĵus alvenintoj ni trovis pastron Casanova el Gerona, Chaler el Tarrasa, Comadrán el Sabadell, Piñol, Domenech, Gili kaj Grau el Barcelona; ĉiu el ili reprezentas samideanaron, kaj ili alportas la fervoron kaj entuziasmon de la bravaj pioniroj de Esperanto. Alveninte al la placo Constitucion la samideanaro disiĝas al gastejoj.

La 27.an je la deka matene paroladetis S-ro Gastón ĉe ekspozicio por ĝin malfermi oficiale. La ekspozicio okupas vastan salonon de la palaco en kiu la urbo starigis siajn muzeojn; la ekspozicio estas rimarkinda, ĉar ĝi enhavas multenombrajn esperantajojn, kaj la libraro kaj gazetaro aperas sufiĉe bone kompleta. El la gazetoj altiras multe la atenton ĥina ĵurnalo de la studentoj de la Universitato de Pekin, tute ĥine presita escepte iujn anoncojn de Esperantaj gazetoj kun iliaj adresoj, el ili tiun de HISPANA ESPERANTISTO.

Je la dekunua, en la Ateneo, kunvenas Dudkeilanoj. Parolas koncize kaj elokvente por saluti la samideanaron kaj esprimi bondezirojn al Dudkeilo S-roj: la prezidanto Manuel Maynar, kiu kortuŝis la aŭskultantaron, kiu perfekte konsciis pri la grandanimeco lia, premiante ĝin per longa ovacio; Mangada, je la nomo de la Militistaro, kiu ĉiam en Hispanujo helpis ĉian progreson, ankaŭ je la nomo de la Urbestraro de Jaca, de Zamenhofa Federacio kaj HISPANA ESPERANTISTO, de la grupo de Jerez kaj de la grupo «Esperanta Klubo Palma», de Mallorca; Gili, je la nomo de Kataluna Esp. Federacio; Maraury, je la nomo de la Komerca Ĉambro de Huesca; Chaler, je la nomo de la grupoj «Lumon», «Junularo» kaj «Ĥora Societo» el Tarrasa; pastro Casanova, je la nomo de Ĝirona grupo, invitante ankaŭ al Kongreso de K. E. F. okazonta je Septembro; Luna, je lo nomo de Centra Madrida Grupo, Ruĝa Kruco, kaj hispana gazeto «El Esperanto»; Camdelacreu, je la nomo de samideanoj kaj urbestraro de Manlleu, Domenech, je la nomo de «Barcelona Stelo»; Allende, je la nomo de Vaska Federacio kaj Provinca Deputataro de Bilbao; Mañés, je la nomo de Valencia Fedaracio kaj samideanoj de Cheste; Grau, je la nomo de Kataluna Esperantisto; Claramunt, je la nomo de «Nova Sento»; Llano, je la nomo de grupoj de Baracaldo kaj Santander; Comella, je la nomo de samideanoj de Vich; Serrano Olmo, je la nomo de Andaluzia Federacio, kaj grupoj de Córdoba kaj Cañete de las Torres; Vilardell, je la nomo de la urbestraro de Sabadell; Sobré, je la nomo de la Komerca Ĉambro de Sabadell; Soler, je la nomo de «Aplec Esp. Grupo» de Sabadell; Baucells, je la nomo de Orfeono de Barcelona; Rocamora, je la nomo de Barcelona Esp. Societo kaj je tiu de Portugalaj samideanoj, kaj Bartel, aŭstria leŭtenanto, dankegas je la nomo de la stiria registaro samtempe salutante.

La urbestro de Zaragozo malfermas la laborojn per hispana parolado promesante helpon moralan kaj esprimante bondezirojn kaj plenan esperon pri la sukceso de Dudkeilo. Tuj oni elektas S-rojn Allende, Bartel, Maraury, Gili, Casanova kaj F-inon Artigas, gekomitatanoj.

Oni legas temon de S-ro Jozefo Artigas proponanta enkondukon de Esperanto en la programoj por la Normalaj Lernejoj. Post mallonga diskutado, kiun partoprenis iuj samideanoj, oni decidas unuanime konkludon:

«La Kunveno konsciante ke en preskaŭ ĉiuj lernejoj, institutoj, k. c., la lernantoj lernas la idiomojn por si mem, kaj konsciante ke en la Normalaj Lernejoj por Instruistoj kaj Instruistinoj, ĉi tiuj lernas la lingvojn por lernigi ilin al ceteraj, petas al Ministro de publika Instruado, ke li urĝe aldonu al la programoj de la Normalaj Lernejoj lernadon de helpa lingvo internacia Esperanto, ke provizore la lernado estu nedeviga.»

Sekve, kvankan la temo ne koncernas la celon de Dudkeilo, oni legas temon de S-ro Joset Laib de Rustringen (Germanujo) pri speciala kuracmaniero, kaj la Kunveno decidas esprimi havi la grandan ĝojon pro aperado de sciencaj verkoj pruvantaj utilecon de Esperanto.

S-ro Jozefo Serrat legas temon pri uzado de Esperanto, kiam kaj kiel oni devas uzi ĝin, kaj esprimante deziron, ke inter samnacianoj la uzado ne atencu kontraŭ nacia lingvo. Ĉi tiu temo kaŭzas iomete longan, diskutadon, kiun partoprenas iuj samideanoj precipe S-ro Allende, kiu eĉ tre sprite

elmontras al ni siajn akceptindajn opiniojn. Uuuanime oni alvenas al konkludo, per kiu oni konstatas, ke Esperanto ne venis forigi naciajn lingvojn, kaj ke inter Esperantistoj oni devas uzi ĉiam Esperanton. La laboro de la unua kunsido finiĝis elmontrante deziron ĉies pri interkonsento kaj kunagado efika.

Je la tria posttagmeze, Dudkeilanoj kunvenas en la placo de la Constitucion por ekskursi al *Cabezo de Buena* Vista, monteto kun belaj ĝardenoj, de kiu oni ĝuas belegajn vidaĵojn. Alveninte, malgraŭ la forta vento, ĝojo kaj entuziasmo regas; kriojn je miro, parolojn je entuziasmo pro la neatendita sukceso disvolviĝanta, ridetantan gajecon de gejunuloj, spritaĵojn de la ĉiam bonhumora Allende, oni aŭdas senĉese. Entuziasmo eksplodas, kaj la vento portas al la urbo la Esperon kaj aliajn kantojn de frateco nerompebla. S-ro Mayol kaj la diligenta Allende envicigas la ekskursantojn por fotografaĵo: ĉi tiun faras fine S-ro Mayol kaj ankaŭ S-ro Batet faras alian.

En apuda restoracio Dudkeilanoj festenetas kaj S-ro Allende elokvente kaj tre sprite parolas pri deveno de iuj vortoj hispanaj kaj esperantaj, kaj rimarkigis la grandan genion de la Majstro por doni la *vortojn trinki* kaj *drinki*; spritege li argumentas ridegante senĉese la aŭskultantaron.

Post la spritaj klarigoj de la sperta Allende, Dudkeilanoj aliras al Ateneo, kie S-ro Mangada, je la sepa, faros paroladon pri «Rilatoj inter la popoloj, de la antikveco ĝis nun. Postulo pri dua lingvo por ĉiuj kaŭze de tiuj rilatoj. Solvoj diversaj. Sola sukcesanta solvo per Esperanto». Je la sepa, S-ro Allende prezentas S-ron Mangada, kiu sekve disvolvas la temon dum unu horo kaj kvarono.

Je la deka, oni kunvenas oficiale por voĉdoni pri la maniero ordigi kaj faciligi la laboron por la sekvanta laborkunsido, tial ke la aferoj laborotaj estas gravaj. Oni konkludas, kaj por plej efika, rapida kaj kiel eble plej unuanima alveno al celo de proponoj de Kataluna Esperanta Federacio kaj de S-ro Mangada, sekve multaj el la ĉeestantoj decidas daŭrigi neoficiale, amike, frate, la kunvenon por interŝanĝi opiniojn pri ambaŭ proponoj kaj se eble alveni al la morgaŭa laborkunsido kun definitiva solvo laŭ deziro ĉies. Ĝis preskaŭ la tria matene de la 28.ª, longege eĉ arde oni diskutadis; since reco estis necesa, ankaŭ cedo de unu kaj aliaj; atentemo pri pura esperantismo ĉies kondukis restigi ĉe la penso kaj koro ĉies ĝeneralan vidpunkton pri la afero kiel solvon. Ŝajnis, ke la peniga kunveno en amika rondo donos frukton deziratan.

La 28.an, je la deka matene, la prezidanto, S-ro Emilio Gastón malfermas la laborkunsidon kaj donas la parolon al S-ro Rómulo Rocamora, kiu legas sian temon bonege fundamentigita «Por la honoro de la Pedagogio, kaj por tiu de la indeco nacia kaj superaj principoj pri supera ordo sociala, oni devas deklari memvola studon de franca, germana kaj angla lingvoj en la oficialaj instruaj Institucioj, kaj samtempe, kun samaj kondiĉoj kaj rajtoj, tiun de la internacia helpa lingvo Esperanto». Unuanime la Kunveno decidis: «La Kunveno, alpropriĝante al si ĉiajn ideojn kaj konceptojn de la evidenta kaj rezonata temo prezentita de la advokato, nacia instruisto, verkisto kaj prezidanto de Barcelona Esp. Socieso, decidas definitive konkludi, kvankam pri la temo oni povos malfermi ampleksan diskutadon dum la Kongreso proksima en Madrid pro ĝia eksterordinara graveco: labori por ke oni deklaru memvola la studon de angla, franca kaj germana lingvoj en la instruaj Institucioj de la Ŝtato anstataŭ postuli la devigan studon, kaj samtempe, ke oni deklaru ankaŭ memvola, kun samaj kondiĉoj kaj rajtoj, tiun de Esperanto.»

Sekve, la prezidante donas la parolon al S-ro Mangada. Ĉi tiu, kvazaŭ parolante per la koro, eligante tute sincere sian puran senton esperantistan, ĉe la kiel eble plej ĝusta doktrino de la Majstro, konsiderante ke nepran kunagadon postulas nunaj tempoj, anstataŭas sian proponon per alia, kiu estis rezultato de la peniga interŝanĝo de

opinioj, kaj, kiel estis necese al li ĝin skribi, la prezidanto rajtigas legi la proponon de Kataluna Esp. Federacio. Kiam oni finas legi ĉi tiun, la prezidanto redonas la parolon al S-ro Mangada, kiu unue legas la proponon, poste defendas ĝin per mallongedaŭra kortuŝanta paroladeto: religia silento fariĝas dum kiu koroj batadas kaŭze de sama sento, kaj post iuj paroloj klarigantaj de unu kaj aliaj, unuanime, sen diskuto, oni aprobas la proponon:

«Konsiderante la Kunveno la nepran neceson alveni kiel eble plej rapide al starigo de perfekta organizaĵo kondukanta al la realigo pri oficialigo de Esperanto en la Ŝtato. kaj por atingi harmonian kunagadon por traŭ tiun celon, unuanime aprobas la jenan proponon de la Komandanto Julio Mangada Rosenorn:

1.e Nomi la definitivan Komitaton por organizi la Konfederacion de Iberaj Esperantistoj, kiun definive oni starigos en Madrid-Pardo la proksima jaro dum la I.a Kongreso.

2.e Restigi dum ĉi tiu jaro la nunajn organizaĵojn de la Iberaj Esperantistoj same, kiel ili estas nun, sed kunlaborante frate, aktive, intense por la Kongreso, en kiu la dirita Konfederacio estos starigata.

3.e La Komitato konsistos el la Komitato organizinta Dudkeilon kaj el la voĉdonotoj de la Federacioj kaj aŭtonomaj organizaĵoj nune starigitaj.

Sekve, la prezidanto fermis la kunsidon kaj la entuziasmo per ardaj komentarioj elmontris la solidarecon por plene sukcesigi la I.an Kongreson en Madrid-Pardo: la minacanta uragano fariĝis dolĉa esperiga venteto per Esperantismo.

Je la kvara posttagmeze, Dudkeilanoj vizitas la Esperantan Ekspozicion kaj la urbajn muzeojn, kiuj estas vizitindaj. Je la sepa, la profesoro de la Zaragoza Universitato, S-ro Miguel Sancho Izquierdo, membro de la Grupo «Frateco» de Zaragoza, paroladas ĉe la Ateneo pri «Esperanto kaj efektivigo de universala Juro». Hispane li paroladis elokventege, elmontrante solidajn argumentojn por pruvi, ke la Juro estas unu sola kaj sama ĉiam kaj ĉie kaj ke Esperanto estas la sola ilo kapabla por efektivigi la unuecon de la Juro, malaperigante diferencojn, kiuj devenas de la *obstinaj baroj*. Je la deka, S-ro Rocamora, hispane, ĉe sama loko, per flua kaj bela parolo, disvolvis sian interesan temon «Teorio pri pozitivaj kaj malpozitivaj fortoj socie kaj ekonomie konsiderataj». Ĉi tiu scienca kaj profunda temo altiris la atenton de la aŭskultantaro.

La 29.an, je la dekunua, ĉe la Ateneo, okazas la ferma kunsido. Ĝin prezidas la Rektoro de la Zaragoza Universitato. S-ro Maynar (Manuel) prezentas la Rektoron kaj faras paroladon, kiu kortuŝas la aŭskultantaron kaj sekve parolas: S-ro Mangada je la nomo de la Hispana Militistaro, kies reprezentantecon donis al li la Ministro per Reĝa Ordono Telegrafa, rimarkigante ke la Militistaro ĉiam helpis kiel eble plej multe la progreson en nia nacio, kaj ke Esperanto ĉe ni kalkulas multenombrajn pionirojn, kiuj estas militistoj; S-ro Víctor O. de Allende, Inĝenierestro de la Deputatarejo de Bilbao, parolas esperante flue, elokvente kaj sprite pri nia sukceso, celante interesi la Rektoron per kiel eble plej klaraj dirmaniero kaj frazaro, S-ro Rocamora hispane sin turnas ĉefe al la Rektoro por rimarkigi al li gravecon de nia afero, nian sukceson, kaj utilecon de Esperanto; fine la Rektoro, S-ro Ricardo Royo Villanova, ravas nin per belega, elokventa, fluega hispana parolado, per kiu li kantas Esperanton. precipe li rimarkigas *tion, kion* Esperanto entenas, *tiun povon, kiun* li rimarkas, la *forton*, kiu sukcesigas nin ĉie, *nian internan ideon;* kaj li finas laŭdante nian agadon, kiu meritas helpon ĉies, kaj tial li promesas utiligi sian postenon ĉe la senato por la helpo kaj influi kiel eble plej efike.

Dudkeilo plene sukcesis malgraŭ nefavoraj cirkonstancoj. Ĉiuj disiĝis kunportante esperon pleniganta la koron; ĉiuj estas certaj, ke la I.a Kongreso de Madrid-Pardo sukcesegos kaj ke Esperanto en nia nacio ekpaŝas sur firma vojo al triumfo. Kamara-

doj de hodiaŭ mem al la komuna laboro en frata interkonsento! Antaŭen kun fido!

Por ke oni bone komprenu la sukceson jen noto pri aliĝintoj: 64 profesoroj de Universitatoj kaj Institutoj, advokatoj, kuracistoj, famaciistoj, magistratoj, komercistoj, industriistoj kaj verkistoj; 121 geesperantistoj; Kataluna - Valencia - Aragona - Vaska - Zamenhofa Federacioj Esp.; Urbestraroj de Manresa, Gerona, Bilbao, Tarragona, Sabadell, Manlleu, Sevilla, Figueras, Olot, Baracaldo, Huesca, Jaca, Ruby, Zaragoza, Barcelona, Tarrasa kaj Reus; Deputataroj de Vizcaya, San Sebastián kaj Katalunlando; Institucioj: Ateneoj de Zaragozo kaj Barcelono, Universitato de Zaragoza, Orfeono de Sans, Domo de Ameriko (Barcelona), Komerca Ĉambro de Huesca, Komerca-Industria-Terkultura Centro de Zaragoza, Grupiĝo de Lernantoj kaj Ekslernantoj de la Urba Lernejo pri Artoj de Barcelona, Komerca Ĉambro de Sabadell, Ligo de Industria kaj Komerca Defendo de Barcelona, Akademio de Leĝoscienco de Barcelona, Konsulo de Japanujo en Barcelona.

---

# PLEPLA

Kiam oni parolas pri Esperanto aŭ propagandas ĝin, oni klarigas foje la konsiston de la vortaro kaj ofte aŭskultanto juĝas malbela la lingvon ĉar, laŭ li, ĝi ŝajnos mozaiko kaj sonos sovaĝe, kaŭze de ĝia diversdevena vortaro.

Mi kutimas kontraŭmeti ke, en tiu rilato, Esperanto estas tute simila al ĉiuj aliaj lingvoj, ĉar en ĉi tiuj, la vortaro konsistas ankaŭ el vortoj devenantaj el iliaj pralingvoj, miksitaj kun vortoj apartenantaj al plej strangaj aliaj lingvoj. La hispana lingvo devenas de la latina, sed enhavas multajn vortojn fenicajn, grekajn, arabajn, vaskajn kaj ankaŭ francajn, anglajn k. t. p.

Mi devas ankaŭ citi, ke mi ne rilatas inter la grekaj kaj latinaj vortoj al tiuj multaj teknikaj tute samaj en ĉiuj lingvoj, fakto kiu plipravigas mian tezon, ĉar ili sendube ne same konformiĝas al la stilo, devenado kaj tendenco de ĉiu lingvo.

Kiam mi diskutas pri tiaj aferoj, mia kontraŭulo celas ordinare iom deflankiĝante de la unua temo, montri ke la vorta alpropriĝo de naciaj lingvoj (ne naturaj, ĉar ĉiuj lingvoj estas artaj) estas pli logika ol en Esperanto, kies alpropriĝo estas lau li kaprica; kaj tiam mi diras ke tia logiko estas ofte simila je tiu, kiu sendube regis ĉe la alpreno de la vorto «plepla». Ĉi tiu vorto estas adjektivo kaj signifas «maltaŭga», kaj por klarigi certe ŝerce ĝian devenon, iu elpensis rakonteton legita de mi antaŭ longe, kiun mi prezentas kiel sendube certan.

Dum la hispana milito Napoleona generalo franca deĵoranta en Seviljo bezonis ĉevalojn kaj diskoninigis tra la tuta lando sian deziron, aĉeti la bezonatajn.

En difinita tago li lokis sin en placo kun interpretisto por elpreni la taŭgajn kaj rifuzi la netaŭgajn, kaj per la vorto franca, bone, akceptis la taŭgajn, kiujn oni kondukis dekstren, kaj per la vortoj «plait pas», kiuj sonas hispane kaj esperante «plepla» malakceptis la netaŭgajn, kiuj devis marŝi maldekstren.

Cigano alvenis kun kelkaj ĉevalaĉoj, kiuj kompreneble estis rifuzitaj sed, post la rifuzo, pri la de li nekomprenataj vortoj li demandis la interpretiston: Kio, do; ĉu vi aĉetas ilin aŭ ne. La demandito respondis per malafabla kaj malestima, tono – ĉu vi estas surda? Vi ne aŭdis «plepla»? La cigano konkludis el la tono, la rifuzon de liaj ĉevaloj kaj rekondukis ilin hejmen.

Sur la vojiro li renkontis samgentanon ankaŭ kondukanta ĉevalaĉojn, kaj demandis lin: Kien vi iras? Li respondis: Al Seviljo por laŭeble vendi al franca generalo ĉi tiujn belajn ĉevalojn. La demandinto tiam diris: Vi povas ŝpari la reston de la vojaĝo. Ĉar la generalo aĉetos neniun el viaj ĉevaloj. Kial? demandis la dua. En tiu momento venis en la kapon de la unua cigano la malafabla vizaĝo de la interpretisto ĉe la rifuzo

kaj, farante similan vizaĝon, li respondis per la jena demando:

– Ĉu vi ne vidas ke ili ĉiuj estas «pleplaj».

Jen la logika deveno de vorto hispana por fanfaroni je ĝi.

Mi finos la antaŭon aldirante, ke en la hispana Akademia vortaro ĉe la difino «plepla», oni diras: ĉu ĝi devenas de «plaitpas» france?

*Víctor O. de Allende*

Bilbao, Aprilo de 1921.

---

# KIAM MI ĈEESTIS LERNEJON...

## LA HUNDO DE MIA HEJMO

Malfeliĉa kunulo! Mi memoras tion kvazaŭ estus tio okazinta antaŭ kvar tagoj kaj tamen en tiu tempo miaj haroj estis blondaj kiel la stupo ĉe la ŝpinilo de Munda kaj nun ili estas tutaj cindrokoloraj.

Mi ne scias ja ĉu estis ĝi aŭ mi, kiu alvenis unue en tiun-ĉi mondon; mi nur povas diri ke ni ambaŭ vivis unu por la alia, kiel du enamiĝantoj, aŭ pli bone dirite, kiel sankta Roc kaj lia hundo, tiel oni nomis nin en la vilaĝo.

Ĵus tagiĝis kaj mi jam ĝin aŭdis ekmoviĝadi ĉe la pordo de mia ĉambreto. Iom post iom enmetis, tra la fendaĵon de la du pordoj, la piedegeton moviĝeman, kiu ŝajnis maneto de infano enmetita en silka ŝtrumpeto, kaj poste ĝin movadi kelke da tempo supren kaj malsupren kvazaŭ ĝi palpadis gitarkordaron, ĝi ekbatis per sia dorso la pordon, kiu malfermiĝis, kaj tiel subite mi vidis ĝin sur mia lito; neniam mi povis klarigi ĉu estis ĝi aŭ la maltimema lumeco de la ĵus supreniranta suno, kiu unue al mi alvenis. Rapide ĝi enprofundiĝis sian kapon inter la varmegeta tukaro de mia lito, restante senmova, en ŝajna dormeto pro timo al miaj petolajoj! Sed, ja, tio ne sufiĉis al ĝi, ĉar mi ĝin trompis per miaj restaĵoj, mi tordis ĝiajn orelojn, mi ĝin dancigadis ronde senkompate, mi ĝin brakluladis, kiel mian malgrandan frateton, kaj, Dio pardonu min, eĉ mi ĝin krucsignalis kiel min mem, kostis al mi ne malmulte da laboro tion atingi.

Preskaŭ ĉiuj el mia hejmo amis ĝin; ne tiel kiel mi, ĉar tiam nia hejmo estus ŝajninta frenezulejo; sed tre kontenta estis la malfeliĉa «Galán», kiu ne sciis al kiu sin turni pro niaj karesoj, kiam miaj fratoj kaj mi alvenis kun mia patro de la urbo. Kiu vere ne amis eĉ iomete ĝin estis Munda, la maljuna kaj malbonhumora servistino, kiu jam en la edziĝo de mia avo estis akompanantino kaj konis mian patron kaj ĉiujn, nin, de nia naskiĝo, kaj nun jam por nenio taŭgis krom malbone ŝpini kaj interdisputi senĉese kun mia avino.

Se la hundo knaris ja oni povis certigi, ke Munda ĝin piedpremis aŭ ke ŝi ĝin batis per la ŝpinilo. Aŭdi la hundon kaj riproĉi ĉiuj Mundan estis nia ĉiutaga afero. Mia avino diris, ke la maljuna servistino estis ĵaluza pri la kundo tial ke mi amis pli ĝin ol ŝin; sed pro tio ke ŝi ĉiam interdisputadis kun Munda mi kredis, ke tio estis malbonaestimo; kvankam eble estis prava mia avino, ĉar Munda ripetadis senĉese, ke estis peko ami tiom la bestojn.

Tiel mi ĝin amis, ke eĉ ian tagon mi ĝin alportis al la lernejo kaŝinte ĝin sub mia vesto. Unue ĉio okazis bone. Mi ĝin kaŝis en mia pupitro, subtenante ĝin forte per miaj brakoj por ke ĝin ne malfermu la hundo per ekpuŝo. Kiam alvenis la skribhoro mi jam estis eltirinta la inkujon el la lignatruo kaj ĝin rave rigardadis per tiu truo, dum la intertempo de litero al litero, kiel ĝi kunruliĝis oportune sur miaj kajeroj. Subite ĝi ellirigis la pinton de ĝia buŝegeto tra tiu malgranda ronda fenestro kaj ternis tiel forte kaj strange ke la tuta lernantaro ekridis. La profesoro ekbatis forte sur la tablo per la liniilo, malfermante grande la okulojn, serĉante vane la kaŭzon de tia bruo. Mi kredis min tute perdita, kiam knabaĉo, kiu sidis mia flanke leviĝis, kaj per ekkriema voĉo diris al sinjoro Laureano: —Tiu-ĉi si-

njoro havas beston. —Mi jam vidis la punon sur mi. La instruisto min alvokis kaj la pupitro nesubtenata de miaj brakoj malfermiĝis kun ekbruo, ekaperante «Galán», kiel la demono en la komedio «Els Pastorets» («La Ŝafistetoj») por veni saltante antaŭ mi, sed unue mi faris kvazaŭ mi ne konis ĝin. Malfeliĉa kunulo! Multajn fojojn ni nin interdividis la panon, tian posttagmezon ni nin interdividis la liniliajn batojn; ĝi ekforiris kaj por mi estis preskaŭ la tutan kvanton

Vespere, kiam *Galán* venis al mi por min karesi, malgaja, preskaŭ tuŝante sia buŝegeto la plankajn kahelojn kvazaŭ ĝi estus farinta malbonaĵon, kiam estis mi, kiu tion faris, mi demandis al mia patrino, kun korplena malgajeco kaj rigardante ĝin kun senfina kompato, ĉu la hundoj ankaŭ havas Dion kaj ĉu en la Ĉielo ni ilin revidos; kaj ĉar mia patrino ekridis kaj Munda sin ekkrucsignalis riproĉante min pro tiaj blasfemioj, mi ekkuris kaŝi mian kapon inter la jupojn de mia avino por ke oni ne ekvidu miajn larmojn.

*Angel Guimerá*

El katuluna lingvo tradukis,

*María Julivert*

Vendrell - Aprilo - 1921.

---

# JESUO LAŬ LA KORANO

Ĉar Muhammadanoj kaj Kristanoj estas ofte malamikoj, multaj Kristanoj kredas, precipe en Hispanujo, ke Muhammad estis malamiko de Jesuo; tamen, ne estas tio.

Ĉiam, kiam oni citas Jesuon en la Korano, oni laŭdas lin, kaj Muhammad konsideras lin kiel gravan profeton, kiu faris miraklojn, kvankam li ne estis filo de Dio.

Jen la ĉefaj citoj de la Korano pri Jesuo kaj lia patrino:

**Historio de Mario kaj Yahia (Sankta Johano)**

Ĉapitro III. Vers. 31. Iam la edzino de Imran' preĝis al Dio: «Sinjoro: mi dediĉis al vi tion, kio estas en mi kaj estas via; bonvolu akcepti tion, ĉar ni min aŭdas kaj ĉion konas.» Kiam ŝi naskis, ŝi diris: «Sinjoro, mi naskis filinon, kiun mi nomis Mario'n; mi metas ŝin kaj ŝian posteularon sub via gardo, por ke vi ŝirmu ilin kontraŭ la ruzaĵoj de Satano, la ŝtonforpelito.» (1)

32. La Sinjoro kontente akceptis. Bela kreitaĵo estis naskita. Zakario zorgis la infanon; ĉiam Marion li vizitis, li trovis nutraĵon apud ŝi. «Ho, Mario! De kie venas tiu nutraĵo?» «De Dio—respondis ŝi—, ĉar Dio nutras sufiĉege tiujn, kiujn li volas nutri, kaj ne limigas al ili la nutraĵojn.»

33. Kaj Zakario ekpreĝis al Dio: «Sinjoro, donu al mi benitan posteularon; vi ŝatas aŭskulti la petojn de la preĝantoj», kaj la anĝeloj vokis lin dum li preĝis en la sanktejo.

34. Dio anoncas al vi la naskiĝon de Yahia (Sankta Johano), kiu certigos la veron de la verbo de Dio; li estos sinjoro, ĉastulo profeto, justulo.

35. Sinjoro, kiel venos tiu filo?—demandis Zakario—Maljuneco atingis min kaj mia edzino ne estas filonaskebla.» La anĝelo respondis: «Jen, Dio faras tion, kion li volas.»

36. Zakario diris: «Sinjoro, donu al mi signon kiel garantion pri via promeso.» Li diris: «Jen la signo: dum tritagoj vi nur povos paroli per signoj. Elparolu senĉese la nomon de Dio kaj laŭdu Lin tage kaj nokte.»

37. La anĝeloj diris al Mario: «Dio elektis vin, igis vin senmakula, elektis vin el ĉiuj virinoj de la mondo.»

38. «Ho, Mario! Estu pia kun via Sinjoro, Genufleksu antaŭ Li kune kun kiuj genufleksas.»

40. Iam la anĝeloj diris al Maria: «Dio anoncas al vi la Verbon. Oni nomos lin Mesio, Jesuo, filo de Mario; li estos fama en tiu ĉi mondo kaj en la alia kaj estos unu el la proksimuloj de Dio.»

41. Ĉar li parolos al homoj, kiam li estos

(1) Oni alnomas tiel Satanon, ĉar iam Abrahamo forpelis lin per ŝtonoj.

infano, en la lulilo, kaj kiam viro. Kaj li estos unu el la justuloj.»

42. Sinjoro—diris Mario—, kiel mi naskos filon? Neniu viro tuŝis min.» «Tio estas vero – respondis la anĝelo—, sed Dio kreas tion, kion li volas. Li diras: «Ke tio estu kaj tio estas.»

Ĉapitro XXI. Vers. 89. Memoru pri Zakario, kiam li ekkriis al Sinjoro: «Sinjoro ne lasu min sen filoj, sed vi estas la plej bona heredonto.»

90. Ne aŭskultis lin kaj donis al li Yahian'n, kaj igis lian edzinon kapabla havi idojn, ĉar ili multe bonfaradis, preĝis al ni kun amo kaj timo kaj humiliĝis antaŭ ni.

91. Memoru pri kiu konservis sian virgecon, kaj en kiu ni enspiris parton de nia spirito; ni igis el ŝi kaj el ŝia filo signon por la universo.

92. Tiu religio estas la via. Ĝi estas unu sola religio kun tiu de tiuj profetoj. Mi estas via Sinjoro, adoru min.

Ĉapitro XIX. Pri Mario. Vers. 1. Jen la raporto de la kompato de via Sinjoro, por lia servanto Zakario.

2. Kiam li preĝis al sia Sinjoro por sekreta preĝo.

3. Kaj diris: «Sinjoro, miaj ostoj kurbiĝas en mi, kaj mia kapo lumiĝas per la lumo de la blankaj haroj.

4. Neniam mi malfeliĉiĝis pro promesoj al vi faritaj,

5. Mi timas pri mia posteularo. Mia edzino ne estas filohavebla. Donu al mi heredonton, kiu venos de vi,

6. Kiu heredos min, kiu heredos familion de Jakob, kaj faru, ho Sinjoro!, ke li estos al vi agrabla.

7. Ho, Zakario! Ni anoncas al vi filon. Lia nomo estos Yahia (Sankta Johano).

8. Antaŭ ol li, neniu ricevis tiun nomon.

9. Zakario diris: «Sinjoro! Kiel mi havos filon? Mia edzino ne estas filohavebla kaj mi tro maljuniĝis.»

10. Dio diris: «Okazos tiel. Via Sinjoro diras: «tio estas por mi facila. Mi kreis vin, kiam vi estis nenio.»

11. «Sinjoro, donu al mi signon». «Jen via signo: vi ne parolos al homoj dum tri noktoj, kvamkam vi estos sana.»

12. Zakario iris de la sanktejo al vilaĝo kaj laŭdadis Dion matene kaj vespere.

13. «Ho, Yahia! Prenu tiun libron (la Pentateŭkon) kun forta decido.» Ni donis al Yahia la saĝon, kiam li estis ankoraŭ infano.

14. Kaj la kor' molecon kaj la purecon. Li estis pia kaj bona por sia gepatroj. Li ne estis ribelema, nek malobeema.

15. La paco estu kun li, kiam li naskiĝis, kiam li mortos kaj kiam li reviviĝos.

16. Ho, Muhammad! Parolu en la Korano pri Mario, Kiam ŝi foriris de sia familio kaj iris Orienten.

17. Ŝi kovris sin per vualo, kiu ŝirmis ŝin kontraŭ aliaj rigardoj. Ni sendis al ŝi nian spiriton, kiu iĝis antaŭ ŝi perfekta vira formo.

18. Ŝi diris: «Mi serĉas apud la Kompatemulo ŝirmon kontraŭ vi.»

19. Li respondis: «Mi estas la sendato de via Sinjoro, kiu ordonis al mi doni al vi sanktan filon.»

20. Ŝi demandis: «Kiel mi naskos filon? Ia viro alproksimiĝis al mi neniam, kaj mi ne estas malĉasta virino.»

21. Li diris: «Tio okazos tiel: Via Sinjoro diris: «tio estas facila por mi. Li estos mia signo antaŭ la homoj kaj la pruvo de mia kompatemo.» La vortoj jam estas elparolataj.»

22. Ŝi gravediĝis kaj iris al malproksima loko.

23. La naskdoloroj ŝin surprizis apud trunko de palmo. «Ho!—ŝi ekkriis—ke mi estu mortinta antaŭe, kaj forgesita eterne!»

24. Iu ekkriis sub ŝi: «Ne malĝoju. La Sinjoro fluigis riveron apud viaj piedoj.

25. Elmovu la trunkon de la palmo kaj maturaj daktiloj falos apud vi.

26. Manĝu kaj trinku, kaj konsolu vin; kaj se vi vidus viron.

Tradukis el hispana eldono de la Korano,

*F. Redondo*

Tetuán (Maroko) - Majo - 1921.

*(Daŭrigos).*

## RENKONTO

Inter floroj kaj lumoj kaj bala bruado,
Ŝtonmarvarman maneton al li, ŝi etendis,
Renkontinte lin post longdaŭra nevidado;
Sed nenion riproĉis, nek pro si mem plendis

Nur demandis: «—Ĉu ĉiam vi bluan ko-
[loron,
Valsadon kaj jasmenon ankoraŭ ametas?—
Ĉar mi, nur la hundetojn prenis en favoron,
Kiuj, malgraŭ karesoj, la fingrojn vunde-
[tas»...

Ĵus venis ŝia edz', pro vist' senmonigita—
«—Jen, kaleŝ' bruas—murmuris li osce-
[dante -
Vi dormetas, mi estas artrit-turmentita»...

Adiaŭis ŝi pala, manpreme, poeton,
Kun larmrido. Malgaje, ĝene, forirante,
«—Pri mia feliĉ', verku-ŝi diris—sone-
[ton!...»

El pola oiginalo de AL. MICHAUX,
trad. *Helena Hempel*

---

# LA TRINKEJO

**(El Libro por Infanoj de Emilio G. Linera)**

—Ĉu la vespermanĝo estas preta - demandas unu el kvar klientoj.

—Mi ne scias - respondas la komizo ; sed certe ĝi estas preta, ĉar S-ino Nikolasa estas tre atentema, super ĉio kiam, kiel nun, la vesperoj estas tre malvarmaj.

—Avizu ŝin kaj diru ke ni jam venis.

La knabo alkuras al la kuirejo avizi la kuiristinon, kaj malmulte da tempo poste la kvar amikoj ĝoje vespermanĝas abundajn kotletojn, kaj sur la tablo staras granda botelo da vino.

Ili sin sentas sataj; iliaj stomakoj estas tute plenaj, nur ili bezonas bonan digestadon.

Kiam ili sin pretigas forlasi la tablon sur kiu ankoraŭ kuŝas glasoj da vino, unu el la vespermanĝintoj rimarkas knabon rikoltantan cigaredrestaĵojn. La rimarkanto, konstatinte la laboron de la knabo, ĉar ĉi tiu iris sub la tablon, lin vokas kaj invitas trinki la vinon.

La knabo, ŝajne dekdu jara, prenas unu el la glasoj kaj trinkas la vinon, kaj tial ke la invitanto proponas al li trinki pli da vino, la trinkinto diras per seriozeco propra de viro sperta:

—Dankon, sinjoro, dankegon. Mi trinkis la proponitan vinon, mi ebriiĝus, kaj viro aŭ knabo ebria meritas malestimon de ĉiuj bonedukitaj personoj. Mi devas rikolti la cigaredrestaĵojn ĉar mi scias neniam metion je mia aĝo, per kiu gajni por vivi.

—Admirinde, knabeto, admirinde—respondas la invitinto—. Ci ne devas fari tian laboron, ĉar mi min sentas fiera ricevinte lecionon de estajo manka je zorgemo kaj eduko, kiujn devos liveri liaj plenaĝuloj. Ĉu ci havas familion?

—Jes, sinjoro, mi havas du fratojn sed mi estas la plej aĝa. Mi lasas ilin en la sojlo, kvazaŭ nia hejmo, de proksima palaco, dum mi iras rikolti la ciĝaredrestaĵojn por ilin vendi kaj per la mono atingita aĉeti manĝaĵojn kaj eduki miajn fratojn.

—Ĉu vi edukas ilin?

—Jes, sinjoro, ĉar fojon mi vendas la rikoltitaĵon, fojon mi preferas pli librojn ol monon; per la mono ni vivadas, per la libroj mi lernas kaj instruas miajn fratojn celante, kiam ni estos junuloj, gajni la vivrimedojn alimaniere. Mi estos pentristo; mia frato Julio, verkisto, kaj Johano, komercisto. Tiam mi pentros tion, kion mi vidas en la vinvendejoj, por ke la homoj bonaj kaj honoraj forkuru el diboĉo. Se vi scius kiel terure estas vivi inter ebriuloj; ili estas kapablaj je ĉia malbonaĵo!

—Ĉu ci estas kapabla desegni travivitan scenon?

- Rigardu ĉi tiun desegnon, kiun ankoraŭ mi ne finis. Ĉi tiu viro, kun la kubutoj sur la tablo kaj kunprenante per siaj manoj la tempiojn, estas patro de la infano rampanta por preni cigaredrestaĵojn. La patro elspezas, por trinki vinon, tion, kio apartenas al la familio, kaj la filo serĉas, laboras kaj ba-

talas por tiuj, kiujn li ne naskis, por siaj fratoj.

Iu vokas la invitinton kaj ĉi tiu foriras dum la knabo daŭrigas sian laboron, malestimante la vinrestaĵojn.

Kiom da viroj povus lerni el tiu ĉi knabo! Kiom da patrinoj kaj infanoj ne estus forlasataj de la patroj se ĉi tiuj pensus kaj agus same kiel la knabo: abomenu la trinkejon; trinku moderege almenaŭ.

Tradukis el hispana lingvo,

*J. M. R.*

# Kiel ni akcelos alprenon de Esperanto?

Jen iu opinio kunlaboronta la alprenon se oni bone atentus la Esperantistoj pri ĝi. Certe ja multaj diros: «ni jam faras la eblon», sed mi respondas, ke ni ankoraŭ povos fari pli ol ni faris ĝis nun.

Ĉiuj Esperantistaj Grupoj devos peti al Komercaj Ĉambroj de siaj landoj la plenan akceptadon de nia lingvo por la komercaj aferoj, por kio ni faros la plej aktivan propagandon per naciaj ĵurnaloj. Ni veku la atenton ĝeneralan kaj speciale tiun de la komercistoj kaj industriistoj, pri utileco de Esperanto por iliaj negocoj kun eksterlandanoj, kaj pri alpreno de Esperanto, kio signifas ŝparon da tempo kaj mono por ili kaj interrilatiĝon kun ĉiuj landoj, ĉar evitas interpretistojn, kiujn oni devas pagi, aŭ lerni malfacilajn lingvojn.

La Grupoj sin metu sindoneme je la dispono de komercistoj kaj industriistoj por pruvi al ili taŭgecon de Esperanto por servoj al ili pri korespondado, farante la servojn senpage ĝis konvinki ilin kaj post la konvinkiĝo celi varbi ilin por la organizaĵo. La Grupoj devos interrilatiĝi kun eksterlandaj Grupoj, kaj peti je komercistoj kaj industriistoj reprezenti iliajn komercaĵojn por propono de unu al la aliaj.

*P. Llano*

Oni petas represi ĉi tiun opinion.

# TRA LA MONDO

*Ŝipoj el Bitumo.*

Antaŭ kelkaj jaroj oni faris eksperimentojn por konstrui ŝipojn el cemento, kaj la rezultato estis sufiĉe sukcesa. Nun en la ŝipkonstruejo de Stoer, proksime je Grusksstadt, Germanujo, oni ĵetis en la maron la unuan ŝipon el bitumo, konstruita laŭ novaj procedoj, kaj oni jesas, ke la kondiĉoj de ĉi tiuj ŝipoj por la navigacio estas pli bonaj, ol tiuj de ŝipoj el ligno, ŝtalo, k. c. Atentu ke el bitumo oni starigis la remparojn de la antikva *Babilonia*, kaj nuntempe pavimas la stratojn de l' modernaj urboj.



*La Verda Radio.*

Lr fantazio de Julio Verne daŭras triumfante. La submara ŝipo, la direktebla balono, la aeroplano, k. c., pri kiuj li antaŭdiris, estas realaĵoj nuntempaj, kaj ĵus aperas la «verda radio» pri kiu la sciencistoj interesiĝas.

S-ro Baillard, direktoro de la Observatorio de Parizo, ĵus sciigis al Scienca Akademio, ke du astronomiistoj, dum observado ĉe la observejo lokita en la katedralo de Estrasburgo, surprizis la «verdan radion», kiun elradiiĝas la Suno malofte, fojojn je la krepusko, kaj ke ili determinis cirkonstancojn en kiuj efektiviĝis la fenomeno.

La atmosfero agas kvazaŭ prismo por la sunlumo, malaperigante ĉiujn kolorojn de l' spektro escepte verdan, kaj tiam la «verda radio» aperas belega, plena je koloro, kaj dum tre malmulte da tempo verdlumigas ĉion.



*Surogaĵoj de la Viando.*

Ĉiam oni rekomendis manĝi malmulte da viando, por eviti multajn malsanojn. Manko de viando kaj la alta prezo ĝia tial kreis fortan publikan opinion kontraŭ la viando, kiel ĉefa nutraĵo, kaj super ĉio en Francujo la propagando kontraŭ la viando estis pli energia, kaj por konvinki la Francojn, Doktoro Marcel Labbé, profesoro de

la Medicina Fakultato de Parizo, diras: «Dum la milito la Germanoj apenaŭ manĝis viandon kaj fariĝis vegetaranoj, kaj hodiaŭ sin montras kontentaj, ĉar vegetara nutrosistemo liberigis ilin el troa dikeco, el podagro, el diabeto, kaj ĝenerale el ĉiuj malsanoj devenantaj de manĝegemo. Sekaj legomoj, ovoj kaj fromaĝoj riĉaj je azoto kaj albumino estas tiel efikaj por la nutrado, kiel la viando.»



*Homa monstro.*

En Nuéalos (provinco Zaragoza, Hispanujo) virino ĵus naskis idon, kiu estas granda fenomeno, kaj kiu atingis ĉe la ventro de la patrino plenan disvolviĝon: li havas du kapojn, perfekte apartigataj, tri mallongajn brakojn kaj kvar manojn. La kuracisto atestas, ke la monstro vivis ĝis la momento naskiĝi, kaj ĝin konservas en alkoholo.



*Paleontologia eltrovo.*

Ĉe loko proksima je Palencia (Hispanujo), kie je 1913 oni elkaŝis multenombrajn fosiliojn el mamuloj, ĵus oni elkaŝis ok gigantajn fosiliajn testudojn, grandaj je metro kaj duono, kuŝantaj ĉe tertavoloj miocenaj, tio estas, ĉe la meza etaĝo de la terciaria epoko. Oni destinis la testudojn al Muzeo pri Naturaj Sciencojn de Madrido, kaj ili apartenas al nova speco ĝis nun nekonita de la sciencistoj, kiun oni alnomis «Testudo Bolivari», honorante tiel profesoron Bolivar, kiu direktas la Muzeon.

# ESPERANTA MOVADO

## EKSTERLANDA

**Italujo.**—*Kremona.* Pro kunveno organizita de la Grupo en la plej vasta teatro, en la teatro Ponchielli, milaroj da kremonanoj post elokventaj kaj konvinkantaj paroladoj, kiujn entuziasme oni aplaŭdis, de A. Mandelli, prez. de la Kremona Esp. Grupo, de D-ro Filippetti, urbestro de Milano, de A. Alessio komandanto kaj de Profesoro Carolfi pastro, voĉdonis unuanime: la popolo de Kremona solene kunveninta en teatro Ponchielli aliĝas al Esperantismo kaj bondeziras baldaŭan enkondukon de Esperanto instruado en la publikaj lernejoj.»

Ĉi tio certe baldaŭ okazos ĉar la urbestraro sin montras tre favora.



**Francio.** La Teozofia Esperanta Ligo estas restarigita.

Tiu ligo fondita antaŭ la milito, havis multajn membrojn en ĉiuj landoj kaj posedis periodan gazeton.

La teozofia movado fariĝas ĉiutage pli kaj pli grava, kaj ĉiuj teozofiistoj opinias, ke la lingvo Esperanto estos mirinda «ilo» por atingi la noblajn celojn de la Teozofia Societo. Ju pli ni estos multaj, des pli nia agado estos efika.

Ĉiuj malnovaj membroj kaj ĉiuj esperantistoj interesiĝantaj je tia movado, sendu aliĝon kaj sin turnu al la sekretario. La kotizaĵo estas 5 fr. jare. k S. Frantz. 21, rue Alain Chartier. París - XV.e



**Brazil.**—La Esperanta Movado tre rimarkinde progresas kaj la plej grava novaĵo alveninta estas telegramo de la ĝenerala Direktoro de la Brazila Telegrafo. S-ro A. Penido, al la ĝenerala Direktoro de la Ĉeĥoslovaka Telegrafo, kiu diras: «Mi havas la honoron sciigi vin, ke mia Administracio tute konsentas pri la modifo de la teksto de la paragrafo 3 de la artikolo 7 de la Internacia regularo por akcepti la lingvon «Esperanto» en la internacia korespondado, kiel klaran lingvajon, kio jam okazas depost 1906 en la interna korespondado de mia lando.»

## BIBLIOGRAFIO

Profro. *Grosjean-Maupin*; Dictionnaire Complet Esperanto-Français (Plena Vortaro Esperanta-Franca). Dua eldono. Parizo 1921; Esperantista Centra Librejo, 51 rue de Clichy (IX). Prezo: fr. 6.

Pro la evoluado, kiu survoje forlasas senutilajn aŭ netaŭgajn neologismojn, ĉi tiu dua eldono, zorge reviziita, korektita kaj kompletigita, tre diferencas de la unua eldono. Ĝi enhavas, krom ĉiuj radikoj de la Universala Vortaro kaj de la du Oficialaj Aldonoj, sufiĉe multajn neoficialajn radikojn, enkondukitajn de Zamenhof aŭ de aliaj aŭtoritataj aŭtoroj.

Apud *ĉiu* el tiuj ĉi neoficialaj radikoj, la verkinto sciigas precize la referencojn, tio signifas la ĉefajn vortaristojn aŭ aŭtorojn, de kiuj ili estas akceptitaj aŭ uzitaj. Tiaj referencoj estas tre taŭga kaj utila novajo, kiun oni ankoraŭ trovis en neniu el niaj ĝisnunaj vortaroj. Ĉi tiu vortaro devas aperi en ĉiuj bibliotekoj de Grupoj.



Tip. Calle de San Lucas, 5.—Madrid